REVUO DE ESPERANTO NEDERLAND

*23a jarkolekto n-ro 5/6 septembro - decembro 2018*

# Fenikso

## Esperanto Nederland




## Relevo de la Fenikso!

# Fenikso

## Forumo de Esperanto Nederland

Dumonata membrogazeto de Esperanto Nederland
ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton.
La jara kotizo estas € 35,-
(por samdomanoj €12,50).
NEJ-anoj pagas € 15,-
(por samdomanoj € 5,-).

Fenikso estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando.
La tarifo estas € 20,-.

Vidhandikapitoj povas ricevi kasedan version per estrarano Rob Moerbeek.

Redakcio:
redakcio@esperanto-nederland.nl

### Limdato

Materialo por la sekva numero estas bonvena ĝis la 10a de Januaro 2019.

## Estraro

- Estraro: <estraro@esperanto-nederland.nl>
- Prezidanto: Said Mozaffari Baluchi, <prezidanto@esperanto-nederland.nl> tel. 06 84316394
- Sekretario: Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH, Wijchen. <sekretario@esperanto-nederland.nl> tel. 024-6455133 aŭ 06 22603379
Pri ĝemelaj urboj: <pieter.engwirda@gmail.com>
- Kasisto: Loes Demmendaal, Duikerlaan 160, 2903 AC, Capelle a/d IJssel. <kasisto@esperanto-nederland.nl> tel.010 2133320
- Estrarano: (i.a. pri instruadaj aferoj): Rob Moerbeek,
Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE, Beverwijk. <rob.moerbeek@esperanto-nederland.nl> tel.0251 231079
- Estrarano: Andries Hovinga, De Fennen 47, 8918 CC,
Leeuwarden, tel.06 28916262 <andrieshovinga@esperanto-nederland.nl>
- Pri sociaj komunikiloj: <sociaj-komunikiloj@esperanto-nederland.nl>
- Membro-administranto: Koos Scharroo, Vaartweg 24G, 8382 EB, Frederiksoord. <membroj@esperanto-nederland.nl> tel.06 22413267
Bv. informi pri (ŝanĝoj de) poŝtadreso, telefonnumero, retpoŝtadreso, (eks- kaj ali)membriĝo, pagmaniero
Bankkonto: IBAN: NL 10 TRIO 0786 8441 67 nome de Esperanto Nederland, Capelle aan den IJssel. UEA-konto: esne-h
- Informoj pri Esperanto: Ineke Emmelkamp Arubastraat 12, 9715 RW Groningen <info@esperanto-nederland.nl> tel.050-5718842
Studie-weekeinde: <studosemajnfino@esperanto-nederland.nl>

#  Enhavo

# Mallongaĵoj

## Zamenhoftago

La 15an de decembro, la Internacia Esperanto Instituto organizos Zamenhoftagon 2018. Zamenhoftago estas la plej vaste festata tago en Esperantujo kaj okazas dum la naskiĝtago de L.L. Zamenhof. Aliĝintoj bonvenos ekde la 10a matene kaj la programo kun prelegoj, kvizo kaj promeno daŭros ĝis la 4a posttagmeze. Aliĝi eblas kontraŭ €10 per la retpoŝtadreso iesperanto@versatel.nl. La pago okazu prefere antaŭ la festo al la kontonumero NL52INGB0000162626 kun la indiko „Zamenhoffesto 18“. Bonvolu aliĝi antaŭ la 10a de decembro.




## Pasinta KAEST

Ĉi-jare mi vizitis KEAST unuafoje. Temas pri scienca kaj teĥnika kongreso en Esperanto, kiu okazis en Slovakio. Kvankam mi neniam antaŭe estis en Slovakio kaj nervozis pri la longa vojaĝo, mi ĝojas ke mi iris. La prelegoj kaj aliaj programeroj estis tre interesaj kaj profundaj, sed ankaŭ diversaj. Mi ŝatis ankaŭ la homojn, kiujn mi renkontis tie. Kelkajn el ili mi jam konis, sed la plejparto estis nova al mi. Pro tio, mi rekomendas KAEST kaj certe iros denove se mi iam havos la ŝancon!

- Frank van Hertrooij

## Nova Redakcio

Kiel vi eble rimarkis, Fenikso aspektas iom malsame ĉi-foje. Tio estas pro tio ke ĝi havas novan redakcion. Ni nomiĝas Frank van Hertrooij kaj Marc Konijnenberg kaj multe antaŭĝojas redakti la revuon. Ni estis surprizitaj pri kiom da artikoloj jam envenis, sed ne hezitu sendi pli! Pro tio ke ni ne havas ŝablonon de antaŭaj eldonoj, ni devis rekonstrui ĉion de la komenco kaj tio iris sufiĉe ĥaose. Espereble la malfruiĝo kaj la ŝanĝiĝoj ne estis tro ĝenaj. Je la estonteco de Fenikso!

- Frank van Hertrooij kaj Marc Konijnenberg

## Kurta poemo

Regularo konkurencas leĝon,

Ruĝa vino konkurencas ĝinfizon,

Prezidento konkurencas reĝon,

Inteligento konkurencas saĝon,

Episkopo konkurencas ĝainon,

- Frans Cobben

# SES 2018

**Ĉi-jare okazis SES, la Somera Esperanto-Studado, de la 14a ĝis la 22a de julio en la urbo Liptovský Mikuláš, situanta en valo inter la Altaj kaj Malaltaj Tatroj, la plej alta montaro de Slovakio. La urbo jam delonge havas ligojn kun Esperanto kaj eĉ la urbestro prelegis (slovake) dum la oficiala malfermo de SES far Peter Baláž.**

SES sekvis sian kutiman programŝablonon. La mateno komenciĝis per matenmanĝo, kiu ĉi-jare estis bufedo kun diversaj specoj de pano, multaj viandaĵoj, frukta jogurto, legomoj, kaj pli. Je la naŭa ĉiujn atendis en la klasĉambroj por kvarhora leciono, kun nur eta kafpaŭzo, kelkaj spertegaj instruistoj, kiuj vojaĝis longajn vojojn por transdoni siajn sciojn al ni, la studentoj. Min intruis la talenta plurlingvemulo Konstantin Tikhomirov je nivelo C1-C2. Li instruis kaj lernigis al ni ĉiun flankon de nia internacia lingvo, de komplikaj gramatikaĵoj, tra la interna radika strukturo, ĝis vortprovizo. Li interese kaj ĉiam pasie instruis kaj krome amuzis nin pere de interaj ludoj, konkursetoj, kaj kelkfoje instigo al arda diskuto.



Post la intensa studado ni ricevis ĝenerale bonan, varman tagmanĝon por redoni al ni sufiĉe da energio por la eventplena, posttagmeza programo. Dum kelkaj tagoj okazis ekskursoj diversspecaj en la belega ĉirkaŭaĵo. Darinka Hofereková, loka partoprenanto de SES kaj ĉiĉerono, gvidis nin tra la urbo kaj al la ekspozicio de Zamenhof en la urba sinagogo. Alian tagon speleologo Ján Vajs kondukis nin ĉirkaŭ la belega monta lago Štrbské pleso en la Altaj Tatroj. Bedaŭrinde la vetero ne ĉiam konsideris la Esperantan okazaĵon. En senĉesa pluveto kaj pluvo denove Ján irigis nin laŭ itinero supren al la montpinto Poludnica en la Malaltaj Tatroj. Malgraŭ la nomo ĝi estas tamen 1549 metrojn super marnivelo kaj bezonis 900 metrojn da grimpado. En la Malaltaj Tatroj troviĝas ankaŭ la profunda kaj brila glacigroto Demänovská, kiun ni vizitis sub la ĉiĉeronado de denove Darinka dum la lasta ekskurso de SES. De suna, 25-grada vetero en minuto ni iris en frostan atmosferon, permesantan eĉ mezsomere la formiĝon de glacio.

Ĉiun posttagmezon organizis pluraj partoprenantoj krome riĉan programon, kiu konsistis el prelegoj, metiejoj, kaj paroligaj rondoj. Okazis jen kurseto pri iu lingvo, jen instruado de manlaboro kiel kroĉetado, jen fervora prelego pri ies interesaĵo aŭ hobio. Eĉ estis kinejo, kie oni projekciis filmojn, jen Esperantajn, jen kun Esperanta subteksto; sed ankaŭ la futbalfinalon. Dum la posttagmezo krome funkciis la libroservo.

Post ĉiame amuza kaj laciga tago ni meritis denove varman manĝon kiel pretiĝon por la vespera programo. Ĉiun vesperon okazis iu interesaĵo, krom la utilaj anoncoj de la organizantoj. Okazis dubarda koncerto de la bardo kun barbo (Mikaelo Bronŝtejn) kaj la bardo sen barbo (Georgo Handzlik) en la sinagogo de la urbo. Ĉi-jare denove Kaŝi koncertis ĝis profunda nokto dum malnur kvar horoj!

Ankoraŭfoje multaj partoprenantoj, inkluzive de ni nederlandanoj, kunportis manĝaĵojn kaj trinkaĵojn por la kuirarta festivalo: Bazaro, kie ĉiu lando de la partoprenantoj havas budon, sur kiu oni ekspozicias siajn tipe patriajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn, kaj ofertas ilin senpage al ĉiu ajn alia partoprenanto. Ĝi estis granda sukceso kaj preskaŭ ĉiuj niaj nederlandaĵoj estis formanĝitaj!



Fine estis la internacia vespero, kie homoj povis prezenti sian landon iel ajn. Homoj kantis en sia denaska lingvo kanton aŭ eĉ la nacian himnon, prezentis poemon, aŭ eĉ faris monologon. Post la normala programo funkciis ĉiuvespere la diskejo, karaokeo, drinkejo, kaj gufujo.

Venis ĉi-jare al SES ĉirkaŭ 240 homoj el pli ol 20 landoj, inkluzive de Kanado, Ĉinio, kaj Koreio. Proksimume sesono de la ĉeestantoj estis, tiel nomataj, anĝeloj: helpemaj homoj kun elstara, flava nomŝildo, alparoleblaj kaj demandeblaj iam ajn. Kun tiom da homoj estis kelkfoje malfacile kontakti unu la alian. Por tio funkciis la koverta poŝto: Prenu koverton, dekoraciu ĝin laŭplaĉe (ja inkluzivu vian nomon!), kaj pendigu ĝin sur la muron. Ĉiu tiel povas enmeti mesaĝon por vi iam ajn!

Denove ĉe SES la etoso estis bonega, la lecionoj utilaj, la ekskursoj mojosaj, kaj la vesperoj amuzaj. Dum SES por iu ajn estas io interesa; la lecionoj estas altkvalitaj kaj je ĉiu nivelo, eĉ kun apartaj literatur- kaj historikurso por la spertuloj. Mi sincere rekomendas al iu ajn partopreni. Sekvontjare SES okazos plejverŝajne en Ĉeĥio, ĉar IJK jam okazos en Slovakio; la celo de la organizontoj estas fari ilin bone kombineblaj. Espereble ĝis tiam!

- Joost Franssen

# De la Estraro

La 165a estrarkunveno de Esperanto Nederland okazis je 3/11/2018 en Utreĥto. Ĉeestis Said Baluĉi, Loes Demmendaal, Pieter Engwirda, Andries Hovinga, Rob Moerbeek, Foppe-Klaas Hovinga kaj Rob Groeneveld. Prezidis Said Baluĉi kaj protokolis Rob Groeneveld.
La protokolo de la 164a estrarkunveno estis aprobita.

Foppe-Klaas Hovinga raportis pri la redakcia kunveno en Arnhem kaj pri la stato de Fenikso. Antaŭvideble unu numero mankos ĉi-jare do la lasta numero estu kombinita 5-6.
La estrar priparolis la eblecon okazigi venontajn estrarkunsidojn kaj jarkunvenon de Esperanto Nederland en la centra oficejo de UEA.

Taksado de la evento Lân fan Taal en la lasta tago de tiu evento: Laŭ la organizantoj, Andries Hovinga kaj Ineke Emmelkamp, ĝi estis sukcesplena tago. Estraranoj de Esperanto Nederland kaj NEJ-anoj partoprenis kaj kontribuis al la programo. Dum la tuta semajno ĉeestis esperantistoj, membroj kaj nemembroj de Esperanto Nederland, inter kiuj multaj flandroj.

Oni parolis pri la subteno de malpli aĉetkapablaj membroj kiuj volas membriĝi al UEA post la granda kotizpliultigo de UEA. Anonima donaco starigis modestan fonduson. Donacantoj anoncu sin al Rob Moerbeek.

Estis monumenta tago en Bergen op Zoom kiun ĉeestis Rob Moerbeek kaj Ward de Kock. Ĉeestis 40 homoj. Aperis artikoloj en Antverpena gazeto kaj en Horizontaal.
La Drongo-Festivalo ankaŭ ĉi-jare estas pagita. Ĝi okazis la 9an kaj 10an de novembro 2018. NGGE havis studotagon la 10an de novembro en la centra oficejo de UEA.
La estraro ankaŭ traktis la temon “amikoj de Esperanto Nederland”. Ĉu utilas gardi tiun kategorion?

ILEI anoncis pri “Al ĉiu lernanto unu leciono pri Esperanto”. Ĉiu lernanto en la mondo havu almenaŭ unu lecionon pi Esperanto. Informo pri tiu projekto estas trovebla en la retejo de Esperanto Nederland.

Pieter Engwirda laboras pri la ĝusta kaj korekta jarraporto 2017. Li promesis ke la raporto estos preta post unu semajno.

Nia jarkunveno okazos 25/5/2019 plej verŝajne en la centra oficejo de UEA. Bonvolu noti la daton kaj estu informita ke ni serĉas novan estrarkandidaton. Ankaŭ sinpropono kiel preleganton elkore bonvenas.

# IJK 2020

## NEJ sendas kandidatiĝon por IJK 2020

Post la preskaŭ sukcesa kandidatiĝo por la Internacia Junulara Kongreso 2019 la estraro de NEJ supozis, ke en 2020 okazos IJK en Nordameriko pro tio ke UK 2020 okazos en Montrealo. Sed daŭre ne venis mesaĝo, ke en Usono aŭ Kanado kreiĝas bona teamo.

### Ĉu vi sciis ke..?

- La unua IJK okazis en Nederlando?
- Nederlando ne gastigis IJK ekde 1989, kiam IJK okazis en Kerkrade?
- IJK estas la plej granda somera junula Esperanto-kongreso de la mondo?
- La antauxlasta IJK estis la unua en Afriko?



*Tiel ĉi povus aspekti IJK 2020 se ĝi okazus denove en Nederlando.*

Dum la membrokunsido de NEJ venis la decido kandidatiĝi, sed kondiĉe ke ne venas taŭga amerika kandidatiĝo. La loko por nederlanda IJK denove (do kiel proponita al TEJO por 2019) estus gastejo 'De Hoof' en Someren, kiu ofertas lokon por ĝis 400 homoj. La sama organiza teamo kiel por 2019 estas daŭre havebla kaj entuziasma.




*Gastejo 'De Hoof' en Someren*

# KKPS 2018

52 deelnemers uit 9 landen kwamen begin november samen in groepsaccomodatie de Bekerhof in Hunsel. Waar ligt Hunsel? Dat doet er niet toe. Wat er wel toe deed waren de geweldige sfeer, de succesvolle bar met gefrituurde snacks, de interessante excursie naar het theepottenmuseum, het diverse programma en vooral de geweldige deelnemers. Zonder hen hadden we niet zo veel verschillende lezingen en cursussen kunnen aanbieden, hadden we niet zo veel mooie kostuums gezien tijdens het halloweenbal en zou de spelletjestafel helemaal leeg geweest zijn.

Het programma dit jaar was uitgebreid. Ten eerste vond er de eerste avond een "Interkona Vespero" plaats om kennis te maken. De organisatie had verschillende spellen voorbereid om elkaars namen te leren en om te zien waar iedereen vandaan kwam. De meeste programmaonderdelen vonden echter de dag erna plaats. In de ochtend vonden verschillende presentaties, spelletjes en cursussen plaats. Daarnaast had NEJ ook haar jaarlijkse algemene ledenvergadering en werd er een nieuw bestuur gekozen. Na het avondeten begonnen de feestelijkheden met een meezingconcert met ukelele- en keyboardmuziek en vervolgens het Halloweenbal. Er was ook een konstuumwedstrijd met veel deelnemers en een prijs voor schrikwekkendheid, schoonheid en creativiteit. Hoewel iedereen nog moe was van de voorgaande avond, werden er ook de laatste dag van de bijeenkomst nog allerlei presentaties gegeven en er moest natuurlijk worden opgeruimd.

Veel lof gaat uit naar de organisatie en allen die een bijdrage hebben geleverd aan KKPS.




*La nova estraro de NEJ elektita dum KKPS*

# Lân fan taal

*26a de aŭgusto – 2a de septembro*
*en la Prinsentuin en Leeuwarden (Frislando, Nederlando).*

**Festi vian lingvon en libera ŝtato. Tio estas la elirpunkto de 'Lân fan taal' (Lando de lingvo). Vivigi lingvojn, ludi kun lingvoj kaj paroli ilin. Dum la tuta somero tridek lingvaj komunumoj prezentiĝas en la MeMpavilono. Ankaŭ Esperanto.**

Dum 7 tagoj ni prizorgis informbudon pri Esperanto. Sub la titolo: Tio kion vi delonge volis demandi pri Esperanto ........... Dum la lundo vagadis tra la parko 2000 studentoj por ricevi informojn pri studenta vivo en Leeuwarden. Dum la lasta dimanĉo multaj homoj venis al la Prinsentuin por vidi kiujn teatraĵojn, muzikprezentoj, ludoj okazos en la venontaj monatoj. Estis bela vetero, do ni metis nian informbudon ekstere!

Ni organizis tri sukcesplenajn koncertojn. Esperantistoj kaj ne-esperantistoj aŭskultis la muzikon de Kajto-kvarope, Radio Esperanto kaj Jonny M.

Dum du sabatmatenoj estis rekta elsendo de Omrop Fryslân. Unue estis intervjuo kun Ankie, Nanne kaj Andries. Ankie kaj Nanne faris prezenton dum la rekta elsendo. La dua sabato estis intervjuo kun Yves, Marc kaj Jonny M, kaj la lasta faris prezenton.

Dum la sabato okazis diversaj prelegoj: Ward de Kock prelegis pri la frisa Esperantisto Wijtze Nutters, Marc Konijnenberg rakontis pri siaj spertoj dum la staĝo en Bialystok. Said Baluĉi prelegis pri: 'Kial Esperanto aparte gravas por aziaj intelektuloj?' Katalin donis provlecionon. Anoj de Nederlanda Esperanto-Junularo plenigis kun prelego la lastan horon.




*Jonny M koncertas*

Jonny M (Germanio) faris bonan koncerton. Multaj junaj homoj ekdancis. Kaj ne nur Esperantistoj!

Dimanĉe ni invitis ĉiujn partopreni interesan urban promenadon, kun esperantlingvaj klarigoj. Tra la mondo per Esperanto: dimanĉe ĉiuj kaftrinkantoj/manĝantoj en MeM povis aŭskulti la avantaĝojn uzante Esperanton dum vojaĝoj Kun-Kant-Kanonado kun Kajto. Ĉiuj, kiuj emas kanti, povis kunkanti. Kantante ni transdonos la bastoneton al la Rusoj.

La organizado faris Andries kaj Ineke, sed multe helpis: Yves, Ingvo, Piet, Bert, Katalin, Dmitri, Korine, la prelegantoj, la muzikistoj. Kune ni povas rerigardi al sukcesplena semajno.

- Ineke Emmelkamp




*De maldekste dekstren: Yves Nevelsteen, Marc Konijnenberg kaj Jonny M prepariĝas por esti intervjuata de Omrop Fryslân.*

# DRONGO-Festivalo

**Vendredo la 9an kaj sabato 10an de novembro 2018, Esperanto Nederland estis ĉe la DRONGO-lingva festivalo (DRONGO talenfestival). La festivalo okazis en la Universitato Radboud en Nimego. Per la stando Esperanto Nederland donis atenton al Esperanto en medio de lingvaj-amantoj. Dum la DRONGO-lingva festivalo estis multe da prelegoj. Laŭ Elly Schaap, unu el la Esperanto-volontuloj, la salonoj estis plenplenaj. La stando de Esperanto Nederland staris meze de diversaj aliaj standoj. La provinco Frislando atentis kun Lân fan Taal al multlingvo. En alia stando oni povis prijuĝi la efikon de rigardi tridimensian filmon dum la aŭskultado de poemon. En alia stando oni povis prijuĝi babilejon (chatbot) por bonkoreco kaj homeco.**

Estis tre homplena ĉe nia stando. Dum tiu ĉi du tagoj dek ses volontuloj el Nederlando kaj Flandrio helpis. Por ili restis ankaŭ multe da tempo viziti aliajn standojn kaj ĉeesti prelegojn.

La stando de Esperanto Nederland altiris multajn interesatajn homojn. Al Elly Schaap, unu de la volontuloj, plaĉis vidi, ke tiom da junuloj venis por levi demandojn pri Esperanto. Ili havis interesajn demandojn. Andries Hovinga estis demandita, kiel la Esperanto movado certigis, ke Esperanto ĉiam restas same. Andries klarigis, ke la lingvo konstante disvolvas per uzo. Post kiam Bert de Wit rakontis al iuj knabinoj pri la originoj de Esperanto, ili petas lin diri ion en Esperanto. Ili ridis kiam Bert rapide Esperante elparolis kelkajn frazojn.




< La stando de Esperanto Nederland estis sukceso!

Marwine van der Molen el Enschede opinias, ke la DRONGO-lingva festivalo estas eminente taŭga por prezenti Esperanton, ĉar kiuj venas estas ĉiuj lingvaj amantoj. Ŝi parolis kun homoj surprizitaj, ke Esperanto ankoraŭ vivas. Kiam Ineke Emmelkamp ricevis la saman demandon, ŝi montras la esperantistoj en la stando: "Rigardu, kiel ili vivas!" Estis belaj konversacioj kaj la vizitantoj de la stando estis preskaŭ sen escepto interesataj kaj entuziasmuloj. Marwine montris al la vizitantoj kiel Esperanto estas uzata kaj ŝi uzis ekzemplojn, kiuj plej konformis ĉe la homoj.

Ben Indestege el Genk kaj Evi Van Hamme el Gent venis el Bruselo, estis invititaj de Andries. Ben ankaŭ volis viziti la aliajn standojn. En unu stando li provis eltrovi artefaritan lingvon. Li faris tion per kombini la esperantaj reguloj kun la nederlandaj vortoj.

Els Schellekens el Amsterdamo estis vizitanto de nia stando. Ŝi Esperantiĝis pro sia onklino, sed ŝi ne plu okupiĝis per Esperanto dum longa tempo. Por ŝi estis tre ĝoja surprizo vidi la standon de Esperanto Nederland kaj malkovri, ke Esperanto ankoraŭ ekzistas. Laŭ ŝi, Esperanto devus esti instruita en lernejoj. Ŝi ŝatus vidi Esperanton ensorbi pli da vortoj de aliaj ne-eŭropaj lingvoj. Ŝia konsileto al la Esperanto-komunumo.

En la loko kie estis la lingva festivalo, sed certe ĉe la Esperanto-tablo, estis komforta kaj sociema atmosfero. Ĉar la irado ne estis tre larĝa, la esperantoj facile povis alproksimigi vizitantojn kaj baldaŭ konversacioj efektiviĝis. Estis bela interago inter la esperantistoj kaj la gastoj. Danke la volontuloj kaj speciale al Andries Hovinga, la kunordiganto de la stando. La organizo jam anoncis ke la DRONGO-lingva festivalo en 2019 okazos denove en Nimego.

Verkis: **Foppe-Klaas Hovinga**

# Renkontu la Volontulojn

## Manuela



Mia nomo estas Manuela kaj mi devenas de eta urbo de Rumanio nomata Vaslui. Mi esperantiĝis antau tri jaroj kaj ekde tiam esperanto estas mia ĉefa hobio. La unua esperanto renkontiĝo kiun mi partoprenis estis PEKO, en Belgio, kaj la plejmulto de mia esperantumado okazis en Brazilo kaj Francio. Mi laboris kiel volontulino en la Esperanto-Kultur-Centro de Tuluzo kaj nun mi ekvolontulas en TEJO. Ĉio glatas ĝis nun, mi havis la ŝancon partopreni KKPS-on en Hunsel, viziti la belegan Arnhemon kaj ekkoni la Centran Oficejon de Roterdamo, renkontante tiel persone multajn el la TEJO-anoj kaj UEA-anoj. Mi loĝas en la Volontula Domo de Roterdamo, la tiel nomata VolDom. Ĝis nun mi ĝuas mian sperton en Nederlando kaj tre agrable surpriziĝas pri tiom bela aŭtuno. Antaŭ veni al Nederlando, mi nur aŭdis pri 3JS, Lenny Kuhr kaj Nick en Simon. Mi amegas katojn, mi aŭdis ke Roterdamo havas tri katkafejojn kaj mi esperas baldau viziti ilin. Krom tio, mi intencas verki romanon "La sekreta vivo de VolDom". Kaj fine, mi esperas ke mia esperantumado en Nederlando estos riĉa je homlupado!

*Redakcia noto: Homlupo estas kartludo tre populara dum (junulara Esperanto-renkontiĝoj

---

## Clément



Mi estas Clément, volontulo de TEJO ĉi-jare en la Centra Oficejo. Antaŭe, mi loĝis en Bordozo, sud-okcidenta parto de Francio, kie mi studis artan historion kaj arĥeologion. Mi loĝas nun en Roterdamo ekde unu monato, kaj la urbo estas mojosa! Mi ŝatas ĝian multikulturan etoson, kaj la ĉeeston de artverkoj en preskaŭ ĉiuj stratoj. Kiel bona franco, mi kompreneble tre ŝatas fromaĝon, do mi gustumis nederlandajn fromaĝojn, kaj ili tre bongustas! Mi ĝojas uzi Esperanton ĉiutage kiel laborlingvon, kaj ĝojas havi la eblon, per mia volontulado, helpi la Esperanto-movadon.

# De komencanto al volontulo, estrarano, kaj nun redaktoro

Marc "Marko" Konijnenberg estas juna esperantisto naskita en Epe en Gelderlando. Li komencis lerni Esperanton en februaro 2017 kaj tuj ekhavis multajn spertojn de la vasta komunumo. Post kvar monatoj li trapasis la KER-ekzamenon je B2-nivelo. La Internacia Junulara Kongreso de TEJO en Togolando, la unuan IJKn en Afriko, estis lia unua kongreso.




*Ĉiĉeronas por turistoj "laŭ la spuroj de Zamenhof"*

Marko tenis siajn kontaktojn kun la juna movado en Nederlando kaj estis parto de la teamo kiu kandidatiĝis por organizi venontan IJKn en Nederlando. Li estis parto de la organiza teamo de KKPS 2018, la Klaĉ-Kunveno Post-Somera, ĉi-foje en Hunsel. Post la reveno al Nederlando li translokiĝis al bela Arnhem por kundividi loĝejon kun alia Esperantisto. Kiel ŝatokupo li lernas novajn lingvojn, eble baldaŭ la papiamenton. Lia ĵurnalisma kariero komencis en la mezlernejo kiel kunredaktoro de la lerneja revuo. Kiel nova defio li prenis la respondecon kiel redaktoro de Fenikso kaj antaŭĝojas kontribui al la Nederlanda movado.

Verkis: **Charlotte Scherping Larsson**




*Sur togolanda strando.*

Li decidis dediĉi sin al Esperanto plentempe kaj iĝis volontulo en Bjalistoko por la Bjalistoka Esperanto Societo kaj tie ankaŭ aktivis por la Zamenhof-centro. Preskaŭ unu jaro, inter oktobro 2017 kaj junio 2018, li nomis Bjalistokon hejmon. Post dummandataj demisioj en la estraro de TEJO, li iĝis estrarano de la Tutmonda Esperanto Junulara Organizo ĝis post IJK 2018. Dum la IJK en Badaĥoz li trapasis sian duan KER-ekzamenon, ĉi-foje je C1-nivelo.




*KER-ekzameno en Hago, la 10an de junio 2017*

# Skolto, blogisto, scienca studento kaj nun redaktoro.

Frank van Hertrooij naskiĝis 1999 kaj venas de Someren. Esperanton li unue renkontis tra raportaĵo en “Het Jeugdjournaal”. Li lernis la lingvon per interreta kurso de Wil van Ganswijk, kiu baldaŭ iĝis lia mentoro kaj kara korespondanto. Lia unua renkontiĝo estis Novjara Renkontiĝo en Saarbrücken 2015-2016. Dum la sekva printempo li varbiĝis de La Verdaj Skoltoj kaj labore faris tradukojn kaj aliajn taskojn por la organizo. La skoltestro, Valère Doumont tiam iĝis dua grava mentoro.



*Dum grava "NEJ-kunsido"*

Post tio Frank partoprenis multajn Nederlandajn kaj Eŭropajn kongresojn, kiel KKPS, IJK kaj JES. Kutime li faris prelegojn pri diversaj sciencaj temoj, kiuj logis grandan publikon. Tio inspiris lin al krei la blogon Scivolemo (scivolemo.wordpress.com), kiu hodiaŭ entenas pli ol sesdek afiŝoj. Pro tio li estis invitata aktiviĝi en ISAE. Li estis estrarano de NEJ 2016-2017. En 2017 li trapasis KER-ekzamenon de Esperanto je nivelo C1.



*Prelego dum JES*

Fenikso povas malapartigi la generaciojn de esperantistoj en Nederlando, pensas Frank. Tial li volonte akceptis la postenon kiel redaktoron kaj li esperas ke li povos kontribui per nova perspektivo al la gazeto.

Frank studas ĥemian teĥnologion ĉe Technische Universiteit Eindhoven. Li estas membro de loka astronomia klubo kaj ludas la klarineton. Lia plej ŝatata muzikisto estas de Harrie Jekkers kaj Klein Orkest.



*En la universitata laboratorio*

Verkis: **Antonia Montaro**

# Nekrologoj

## Bets Dodebier



La 9-an de aŭgusto forpasis je la aĝo de 86 jaroj Bets Dodebier.
Dum multaj jaroj ŝi estis membrino de la Groningena Esperanto klubo kaj de Esperanto Nederland. Ŝi tre bedaŭris ke en la lastaj jaroj ŝi ne plu povis partopreni la vesperajn klubkunvenojn. Ege ŝi interesiĝis pri la aktivaĵoj de nia klubo. Speciale la subteno de Joseph, esperantisto el Kongo, korespondamiko de Luit Staghouwer, havis ŝian varman atenton kaj apogon. Ŝi iam vizitis Murmansk kaj kontaktis tie kun Esperantistoj, same kiel en la nordo de Pollando. Ŝi ĉeestis en kelkaj Esperanto-kongresoj en- kaj eksterlande. Ĉar ni estis preskaŭ samaĝaj kaj amikinoj, ni regule faris kune ekskurson. Ni vizitis i.a. la germanajn insulojn Borkum kaj Helgoland. La plej interesa vojaĝo kune estis ŝipveturo laŭlonge la marbordo de Norvegio ekde Bergen ĝis Kirkenes kaj returne kun multe da ekskursoj dumvoje. Bets estis dum multaj jaroj flegistino en kaj ekster Nederlando. Je la fino de tiu periodo ŝi estris la flegejon 'Innersdijk' en Groningen. Ŝi loĝis en Zuidlaren, sed la lastajn tagojn de sia vivo Bets estis en la flegejo 'Anholt' en Assen kaj tie venis fino al ŝia vivo. Laŭ deziro de Bets ŝi estis kremaciata en malgranda familia rondo. Multaj varmaj agrablaj rememoroj pri ŝi restas.
- Wil van Ganswijk-Vlasblom.

---

## Mirna Everline Buitenhuis



1 junio 2000 - 22 septembro 2018
Mirna estis 16-jaraĝa kiam ŝi renkontis Esperanton. Apenaŭ du jarojn poste Mirna jam preskaŭ flue parolis la lingvon. Farante dulingvan, altnivelan mezlernejon (VWO) en sia naskiĝurbo Apeldoorn, ŝi trovis sufiĉe da tempo kaj inspiron por enprofundiĝi en Esperanton. La ideo de Esperanto bone kongruas kun ŝiaj engaĝiĝo kaj idealoj strebi al pli bona mondo. Mirna estis fidela partoprenanto de la studsemajnfinoj de Esperanto Nederland kaj tiuj, kiuj ĉeestis ilin en Krikkenhaar, sendube memoras ŝin. Dum la 2017a kaj 2018a someroj ni vojaĝis kune al Slovakio por partopreni en la Somera Esperanto-Studado (SES), kie evidentiĝis ŝia rapida pliboniĝo pri la lingvo. Ŝi krome helpis nian prezidanton Said pri diversaj tradukaj kaj komputilaj aferoj. Mirna forpasis tute neatendite kaj treege tro juna la 22an de septembro ĉi-jara.
- Joost Franssen kun aldonoj de Thijs Franssen

# Nekrologoj

## Piet Buijnsters



12/11/1941 - 30/7/2018

Forpasis en la urbo Nijmegen, Nederlando, Piet Buijnsters, sincera amiko, bonkora homo, aktiva esperantisto, estrarano de Internacia Esperanto-Instituto (IEI), freŝstila redaktoro de Fenikso (organo de la nederlanda Esperanto-asocio; Esperanto Nederland), tradukinto de La morto en Venecio de Thomas Mann, Oeroeg de Hella S. Haasse, Zinko de David Van Reybrouck, farinta diversajn komputil-programojn i.a. ankaŭ por instrui Esperanton, membro de UEA ekde 1981...

Li estis plena de meritoj, kapabloj kaj planoj por Esperanto. La estraro de Esperanto Nederland kaj liaj samideanoj en kaj ekster Nederlando elkore kondolencas liajn familianojn.

-

-



# Pri io festa

**Kiam miaj gepatroj en la jaro 1967 eksciis mian sukceson**
**pri la S-ekzameno, ili ŝatis ne nur gratuli min,**
**sed tiurilate ankaŭ ion donaci.**
**Tiel povis okazi ke en 1968 alvenis ĉe UEA**
**la 600 guldenoj por mia dumviva membreco.**
**Pasis 50 jaroj!**
**En Lisbono estis aŭdebla mia nomo inter la jubilantoj.**
**Hodiaŭ estas videbla en mia ĉambro tre bela diplomo.**
**Agrabla honoro.**

**- Baukje Muizelaar-Borger.**

*Ho, kiom bele!*
*Ni esperas ke la apero de via kortuŝa letero en Fenikso estos al vi aldona honoro.*
*Mi memoras aŭdi vian nomon dum la UK en Lisbono!*

*- Nome de la redakcio,*
*Marc Konijnenberg*

# Malferma tago de UEA

Okazis la 17an de novembro 2018 la 49a malferma tago de la Centra Oficejo de UEA (Universala Esperanto-Asocio) en Roterdamo. Oni provizis riĉan kaj interesan programon kun diversaj pregeloj, kafon kaj teon kun frandaĵoj kaj biskvitoj, kaj rabaton por la ampleksa libroservo.

Komencis la tagon Ionel Oneţ, kiu prezentis diversajn, interesajn, nove (re)publikigitajn librojn, rakontante tiel brile pri ili, ke oni tuj emus legi ilin.

Daŭrigante la librotemon, Fernando Maia Jr. parolis kaj paroligis nin pri la libropolitiko. Ni diskutis pri tio, kiel UEA eldonu kaj reklamu librojn; sed ankaŭ pri tio, kiel oni povas allogi ekzemple finlernantojn de Duolingo al membriĝo de TEJO aŭ UEA. Li prezentis proponojn por diversaj programoj por UEA.

Sekve prelegis profesoro Federico Gobbo pri la uzado de Esperanto en novaj laboratorioj en italaj mezlernejoj (aĝoj 11-13), ne por la lingvo mem, sed por la interna ideo malantaŭ la lingvo. Pro manko de taŭga instrumaterialo li mem kun Yuri Gamberoni verkis tutan komikson, titolitan 'Bonvenon!', kiu aĉeteblas ĉe la libroservo de UEA.

Post la lunĉpaŭzo Ward de Kock, nederlanda studento pri socia historio, rakontis pri la Nederlanda Laborista Esperantismo.

Rob Moerbeek sekvis kun brilaj prezento kaj legado de la finna literaturo.

Fine TEJO prezentis siajn diversajn klopodojn disvastigi kaj akceptigi Esperanton al la tuta modo, emfazante la T en TEJO, kaj la ekstraordinaran penon, necesintan por okazigi IJK en Togolando.

La tagon finis dialogo kun membroj de la estraro de UEA, kun lastaj fermaj vortoj de Said Baluĉi, prezidanto de Esperanto Nederland.




# ESPERANTO Studieweekend

**Voor wie** Als je nog nooit Esperanto hebt geleerd, of jouw Esperanto is nog niet zo goed als je zou willen, ben je van harte welkom. Er wordt op verschillende niveaus les gegeven. De nadruk ligt op het oefenen van het spreken in Esperanto in kleine groepen.

**Wanneer** Het studieweekend vindt plaats op vrijdag 22 maart t/m zondag 24 maart 2019.

**Waar** Natuurvriendenhuis Krikkenhaar, Krikkenhaar 11, 7627 PA Bornerbroek.

De **kosten** voor dit studieweekend bedragen € 75,- pp. (leden van Esperanto Nederland en NEJ € 65,- pp.) In de prijs zijn inbegrepen: lessen, het overige programma, overnachtingen, maaltijden, koffie en thee tussen de lessen.

De **deelnemersbijdrage** van deze bijeenkomst is laag. We willen iedereen een kans geven om deel te nemen. Wil je een extra financiële bijdrage leveren, geef dan aan op het aanmeldingsformulier met wat voor bedrag je de bijeenkomst wil steunen. Elke bijdrage is welkom.

**Meer informatie** en het aanmeldingsformulier op de website van Esperanto Nederland staan op de website

esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php

